# Regione

SUDREGIONA ORGANO DELEGITARA
SP-PR-SC-RS Nº2/marto/92
DELEGITA RETO DE UEA EN BR
SUDA REGIONO

RD - Symilde Schenk Ledon
Caixa Postal 269
12460-Campos do Jordão.SP



São Paulo
Paraná
Santa Catarina
R.G.do Sul
SP-PR-SC-RS

**PRINCIPOJ DELEGITRETAJ**

"REGIONE" interligas la delegitaron pre cipe kaj ĝia aktiveco pluas por movadaj karakterizoj.
La deirpunkto estas la delegitaro, ĝia fortikiĝo kaj kapablo kaj disponebleco. La celo estas konsciigi kaj gvidi ĝin por pli respondeca kaj efika sinteno. La rezultoj probable fandiĝos kune kun la konataj de la aktiveco movada, tamen kvankam komuna laboro, la deiro fontas el strukturigata kaj difinita organismo. Simile al klubaj sintenoj sed pli ampl-eksa; ne forgesinde ke ĝi baziĝas sur normoj fiksitaj de UEA, kiuj laŭŝajne , estos modifitaj same kiel "REGIONE" ek-paŝas al paralela sinteno, pli ampleksa kaj dinamika laŭ nunsituaciaj postuloj. Interliga publikigilo nepris, nepras k nepros regione kaj tutmonde; nur tiel e fikas la grupa laboro(Ekz. JARLIBRO). Ĉiuj kromaj malfaciloj, interkonsente , solviĝos. La paŝado estas komuna. La i-dealo estas komuna.

**PANORAMA REZONADO**

La Regiona divido enlanda cele al dele-gita Reto-agado, bone planita de nia ĉefdelegito pruvis efikecon kaj tasko - faciligon. Similas al Departementoj de instanco. Centra Oficejo aprobis ĝin k publikigos la nomojn de la respektivaj respondeculoj en Jarlibro 1992, kvankam neoficiale ĝis aperigo de nova regula - ro, probable post kelkaj jaroj. Nu, oka zas ke, krom la Regiona Delegito amazo-na kiu deĵoras de antaŭe, la aliaj nur unu jaraj jam en julio-92 dum Brazila Kongreso de Esperanto, en Anápolis-MG , kune kun la ĉefdelegito estos submeti - taj al voĉdonado por nova periodo,akom-pane al tiu de BEL (julio 92-93, 93-94,

94-95, aù se vi volas 92-93-94,konsiderante ke voĉdonado okazas meze de la jaro). En tiu kazo, kaj konsiderante ke Jarlibro aperigos la nomojn de la nunaj respondeculoj, okaze de ŝanĝo, dum unu jaro la nomoj ne estos la korektaj. Ĉio indikas ke konservi la samajn estus preferinde. Tamen en libereca kaj neùtrala sinteno ĉiu rajtas decidi propravole; ankaù en la senco, kiel kelkaj opinias, la personoj estis indikitaj de la ĉefdelegito kaj ne elektitaj de la amaso. Ĉiamaniere, ni atentu ke la decidoj estu rezonaj, maturaj, ekvilibraj, cele al ĝenerala bono, plenracie kaj senemocie. Bv. pripensi kaj ĉeesti la Ĝeneralan Asembleon en julio-92, Anápolis,GO.

**REGULARAJ KAZOJ**

VIENO - 77ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.(25-a julio/1-a aùgusto,1992.

DIFINOJ

**Individua membro de UEA**: Dumviva Membro (DM), Membro kun Jarlibro (MJ aù MJ-K), Membro-Abonanto (MA aù MA-K)en la jaro en kiu oni pagas la kongreskotizon. Ne temas pri Aligitaj Membroj kaj ne inkluzivas Membrojn kun Gvidlibro (MG).

RIMARKO 1:Ne inkluzivas Membrojn kun Gvidlibro.

RIMARKO 2:SĜR(Statuto kaj Ĝenerala Regularo)de UEA pg.5, B.MEMBRECO 11.Membro-kategorioj.La Asocio konsistas el: (a) aligitaj membroj (AM), are aligitaj de la landaj asocioj aliĝintaj al UEA; (b) individuaj membroj,individue enlistigitaj de UEA.

RIMARKO 3: Kotiztabelo de UEA por 1992 MG: Individua Membro kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado.

RIMARKO 4:SĜR-UEA pg.5-C.Aliĝintaj Asocioj. 13.Landaj asocioj. (Lasta frazo):

"Landa Asocio pagas por ĉiu sia membro, kiu ne estas individua membro de UEA , jaran kotizon difinitan de la Komitato."

DEMANDO:

Kial la distingo apartiga por kategorio MG inter kongresa aliĝo kie MG ne estas konsiderata IM (Rimarko 1) kaj sur Kotiztabelo (Rimarko 3) "MG estas Individua Membro kun Gvidlibro tra la Esperanto-Movado",kio rezonigas pri Rimarko 2 rilate al Rimarko 3 ĉar supozeble tiam aligitaj membroj enkluzivigus la kategorion MG kiel aligitan membron kaj tiel malpligravigus la Individuajn Membrojn de UEA?

REZONO:

a-Laŭ Rimarko 4 ŝajne la kategorio MG , NE estas oficiala, sed adoptita provizore ĝis ŝanĝo Regulara.

b-Pro a) UEA rajtas rifuzi la kategorion kiel individuan por UK.

c-Urĝas pli difinita eldiro flanke de UEA por la supre menciitaj cirkonstancoj kaj plue rilate al delegitiĝo kiam oni devas aŭ ne devas akcepti MG se ĝi estas tempa, neregulara kaj fojfoje ŝanĝiĝanta laŭ circonstancoj.

OBSERVO: Venontnumere precizaj klarigoj.




Dr. Sidney Assis Brasil
Caixa Postal 399
75001-ANÁPOLIS-GO

Tel.: (062) 321.2553

INTERLANDA KONFERENCO PRI INSTRUADO




TEMO: Didaktikaj Lingvaj Ludoj Kaj Kanzonoj Dum Instruado
DATO: 9-a ĝis 12-a de Oktobro 1992
ORGANIZANTO: SAENZPEÑA ESPERANTO-KLUBO - SEK
AŬSPICIANTOJ: Argentina Esperanto-Asocio - AEA
Sudbrazila Esperanto-Movado
ILEI - ARGENTINO
ARGENT-EJO



Rubén T. Diaconu
str. Yugoslavia y Esperanto
AR-3700 Pcia. Roque Sáenz Peña, Chaco
ARGENTINO

## I-A INTERNLANDA JUNULARA TENDUMADO

17 - 19 aprilo 92

Temo:

"NIA INTEGRIĜO"

Adreso: Rua Valentin Fernandes,62
BR-97050-SANTA MARIA,RS
BRAZILO



## NIA DELEGITARO AKTIVAS

El la Raporto pri Esperanto - Renkontiĝo de la Paraiba Valo (2/2/92) de MILTON SERRA, VD de UEA, en Lorena,SP.

Mencienda por la Delegita Reto, ĉar ĝi aldonas la kategorion delegitecan de la partoprenantoj! Jen, bonega ideo por reliefigi nian aktivecon delegitretan:

"S-ro A.A.Meira Areco, nia gastiganto (D de UEA, de Guaratinguetá,SP) invitis S-inon S.S.Ledon (Regiona D de UEA, Suda Regiono de nia lando)por prezidi la kunsidon." "Sekve, S-ro Milton Serra, Vicdelegito de UEA en Lorena,legis la protokolon...". F-ino Elvira Fontes, Fakdelegito de UEA en S. Paulo faris propagandon pri ILEI kaj "Internacia Pedagogia Revuo"." "S-ro G.Ledon ,Fakdelegito de UEA en S.Paulo parolis pri SAT kaj pri la Monda Kunagado ĉe UNESKO." "S-ro Luiz Alberto de Oliveira Coelho, Delegito k Fakdelegito de UEA en Paraíba do Sul RJ, parolis pri Ekologio k Planeda Forumo paralele al EKO/92." "S-ro Alfredo A.Guerrero, Fakdelegito de UEA en RJ parolis pri movado de KKE." "S-ro Alberto Flores, Delegito kaj Fakdelegito de UEA en Volta Redonda, RJ informis pri la 6ª Renkontiĝo de Esperanto de Ŝtato Rio de Janejro,en V.Redonda,la 15-an ĝis 17-an/5/1992. Li proponos al BEL ke la Delegitoj urbaj de UEA povu esti konsilantoj de la Ligo." "S-ro Wilson Deslandes Fakdelegito de UEA k edzino , S-ino Denise Deslandes,Delegito de UEA en Barra Mansa,RJ per diapozitivoj,rakontis al ni sian vojaĝon al Europo" "Dum S-ro Sirio Silva,Fakdelegito de UEA en Resende,RJ faris rondon kon-

versacian kun komencantoj...","D-ro P.S. Viana Delegito k Fakdelegito de UEA en Lorena,SP proponis al veteranoj sugestojn por la estontaj renkontiĝoj." Ktp.

**U E A**

Per membriĝo en UEA aŭ ĝia junulara sekcio TEJO, vi aliĝas al tutmonda reto de pli ol 8 000 individuoj kaj 100 landaj kaj fakaj asocioj. Viaj estas:

**La kontaktoj...**
La Jarlibro de UEA kaj la Pasporta Servo de TEJO malfermas al vi mondon sen limoj.

**La eldonaĵoj...**
La plej kompleta Esperanta libroservo regalos vin en 1992 per sia renovigita katalogo de pli ol 3 000 libroj, kasedoj, vidbendoj kaj multe pli.

**La kunlaboro...**
La revuoj Esperanto, TEJO-tutmonde kaj Kontakto donas unike vastan perspektivon pri nia movado. Jen ĉio por efike aktivi, inkluzive optimismon!

Ne manku al nia komunumo. Aliĝu al UEA

---

Por aliĝi aŭ informiĝi pri membreco,kontaktu vian landan peranton (vidu la Jarlibron de UEA), aŭ skribu rekte al:

**Universala Esperanto-Asocio,Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam,Nederlando.**
MA(ricevas la Jarlibron k la revuon Esperanto).MA-T(ĝis 29 jaroj-ricevas ankaŭ la revuon Kontakto). MJ(ricevas la Jarlibron,sed ne la revuon).MJ-T(ĝis 29 jaroj-ricevas ankaŭ la revuon Kontakto) MG(minimuma kategorio).DM(ricevas la Jarlibron kaj la revuon dum la tuta vivo).

DELEGITIĜOJ

(Fine 1991-komence 1992)

Suda Regiono (novaj kategorioj):

AFONSO CELSO DE OLIVEIRA
VD-Sorocaba, SP

ANTONIO A.M.ARECO(FD-Instruado:Esperanto)
Guaratinguetá, SP

ANTONIO CARLOS ESSADO(FD:Spiritismo)
Franca, SP

ANTONIO CARLOS ÑAVARRO(FD-Elektro-tekn.)
S.José do Rio Preto, SP

ANTONIO CARLOS ESSADO(FD-Spiritismo)
Franca, SP

ARNALDO ALVES DE OLIVEIRA(FD:Religio:
Spiritisma)Guarulhos, SP.

AUGUSTO CAVALCANTE(FD-Turismo)
Porto Alegre, RS

CLÁUDIO R.PISTILLI(FD:Kemio)Ŝangis urbon:
Sorocaba, SP

CLEDER J.COLARES(FD-Lingvoj-Instruado)
Franca, SP

DELCI CIPRIANI(D-FD:Poezio)
Santa Maria, RS

EDGAR DE FREITAS NUNES(JD-FD:Spiritismo-
FD:Framasonismo)Porto Alegre, RS

ELUIZIO BUENO RODRIGUES(FD:Skoltismo;FD:
Filatelo)Sorocaba, SP

ERNANI BORGES(VD-FD:Fizioterapio)
Porto Alegre, RS

EUGÊNIO DOIN VIEIRA(FD:Tributa Juro)
São Paulo, SP

FERNANDO CARLOS DE ARAÚJO(D-FD:Kontoscien-
co)Sorocaba, SP

GILBERTO A.da SILVA VELHO:(FD:Fizika edu-
kado) Caçapava, SP

GLORIA LUCIA PERINE(FD:Fiziko)
Curitiba, PR

HIROSHI AKAMINE(FD:Skoltismo)S.Paulo, SP

JAIR REIS(FD:Turismo)Curitiba, PR

JOSÉ CARLOS CINTRA(FD:Geoteckniko)
S.Carlos, SP

JOSÉ MAURO PROGIANTE(FD:Inĝenierado elek-
tra)Bauru, SP

JUVENAL TAVARES DA SILVA(FD:Agro-brut-bredado)Taubaté,SP
LAÉRCIO OLIVATTO(VD)S.Carlos,SP
LUCILA DAVALOS FERNANDES(FD:Spritismo) Porto Alegre,RS
MANOEL BLAZ GARCIA(FD:Homeopatio:Amato-ra-FD: Spiritismo)Sorocaba,SP
MÁRIO JOÃO SCARAMUZZA NETO(FD:Juro : Civila kaj Labora)Curitiba,PR
MÁRIO ROLIM CÂNDIDO(FD:Literaturo Brazi-la)São Paulo,SP
NEUSA PRISCOTIN MENDES(VD-FD:Lerneja Sanprizorgado-FD:Instruado:Esperanto) Ribeirão Preto,SP
PAULO ISAIAS ERENO(FD:Kompara Religio k VD)Florianópolis,SC
NYDIA AUDOS KRIEGER(FD:Religio Porto Alegre,RS
RAUL PEREIRA GILBERTO(FD:Humuro) Franca,SP
REGINA DE MORAES FELIPPE(FD:Indiĝenaj Aferoj)São Paulo,SP
VALMIR ALVES DE OLIVEIRA(FD:Poezio) (Mauá,SP)
VALMIR TOUCCI(VD-JD;FD:Brajlo-Esperan-to Instruado;FD:Esperanto-Movado) Mauá,SP
VANDERLEI L.D.MIRANDA(JD) Sertãozinho,SP

RIMARKO:Kelkaj Delegitoj ne aperis sur antaŭa listo ĉar ili delegitiĝis rekte al la ĉefdelegito anstataŭ al Sudregiona delegito.
Kelkaj delegitoj jam apartenis al la Reto kaj nur aldonis novan kategorion, aŭ=ŝanĝis la antaŭan.
Alia motivo de aperigo:ŝanĝo de urbo, aŭ ŝanĝo de kategorio.
ATENTON: Bonvolu ne sendi respondil-ojn rekte al BEL aŭ al ĉef-delegito,sed ĉiam al la re-giona delegito.

## VORTARO DE ESPERANTAJ AFIKSOJ

Cláudio Rodrigues Pistilli
UEA-Fakdelegito(Kemio,komputado)

Mi volonte uzas la okazon por priparoli la kompiladon de mia Vortaro de Esperantaj Afiksoj, kiun mi delonge prilaboras. Ĝis nun mi sukcesis amasigi kaj apartigi multajn vortojn kune kun ties respektivaj afiksoj. Mi kredas, ke tiu vortaro estos utila ne nur al lernantoj de la Internacia Lingvo sed ankaŭ al ĉiu aŭtodidakto kaj verkanto, kiel konsulta libro. Ekzemple, mi jam sukcesis kunigi 600 ec-vortojn, 200 kun la prefikso ej, 1200 mal-vortojn, 600 sen-vortojn, 500 il-vortojn, 3000 kunmetitajn vortojn, 300 dis-vortojn, ktp. Tiu vortaro baziĝas sur tiu sama laboro de S-ano Eŭklido Karnejro, kiu jam eldonis broŝurforme kolekton da um-vortoj. Tamen mi mencios, krom la signifon kaj la sinonimojn de la respektivaj vortoj, verkojn kie ĉiu vorto aperas kune kun citaĵo pri la paĝo, eldono, aŭtoro, ktp.

Mi ĉefe uzas la lingvaĵon Basic por ordigi alfabete kaj kompili la tekstojn. Mi ŝatus ricevi leterojn de la esperantistaro por interŝanĝi spertojn kaj por pritrakti la ontan eldonadon.

(Adreso: Rua Quinzinho de Barros,356
BR-18020-SOROCABA,SP)

abund o, GG 27
acid a, malamara, dolĉa
afabl a, malĝentila,
afabl aĵ o, Ab 17

**1ª SEMAJNFINO DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ**, en urbo Bambuí, MG

MARCIA DE CASTRO SOARES
UEA-FD: Blindulaj aferoj.

En la jaro 1987 dum la Brazila Kongreso de Esperanto en Rio-de-Janejro, kiam oni festis la Centjaran Jubileon de la internacia lingvo, mi eksciis pri la malfacileco de blinduloj pri la lernado de la lingvo. Ordinare blindaj interesuloj ĉeestis lerno - ĉambron nur kiel aŭskultantoj, sen profiti la okazon pro manko de brajlaj lernolibroj kiuj tre taŭgus al ili.
Kvankam Instituto Benjameno Konstanto en Rio-de-Janejro brajlpresis "Esperanto en 20 Lecionoj" (1957) de A.C.Fernandes kaj H Mota Mendes (nun ne eblas ĝia represigo), ĝi sukcesis disvastigi la logikecon kaj la flekseblecon de la lingvo, sed ne trafis la celon instrui. Nuntempe, aliaj didaktikaj esperantaj libroj estas transkribataj, sed ili estas iom ne taŭgaj por blinduloj, kiuj ne povas utiligi ilustraĵojn. Krom tio, malofte esperanto-instruisto regas la brajl - skriban sistemon por facile korekti ekzercojn. Post la lernado de brajlo (dum tri monatoj), mi decidis prezenti al blinduloj, kompilaĵon de granda bibliografio, 16 lecionojn en brajllernkajero kaj unu kasedon. Tiel komenciĝis la baza E-kurso por blinduloj per korespondado. La lernanto ricevas ĝin senpage sed devas redoni ĝin post la fino de la kurso, por ke ĝi estu utila al alia komencanto. La daŭriga kurso enhavas malgrandan romanon "Gerda Malaperis" de C. Piron en 25 ĉapitroj, kiujn la lernanto devas traduki por ricevi korektadon.
Post unu jaro, la nova esperantisto kapablos interŝanĝi leteron aŭ kasedon en Brazilo kaj eksterlande. Laŭvole li ricevos la dumonatan bultenon "Informilo", sciigantan kiel marŝas la movadeto de blindaj espe-

rantistoj en Brazilo. La nova samideano tr-
ovos ankaŭ E-Brajlan Bibliotekon en nia de-
partemento.

Samkiel okazas en Eŭropo, en la 14-a kaj 15-a de decembro 1991 okazis "Unua Semajnfino de Blindaj Esperantistoj" en urbo Bambuí,MG.Blindaj esperantistoj senstreĉe,gaje kaj harmonie debatis pri la ĉeftemo:"Kiel disvastigi Esperanton al blinduloj?".

(Adreso: Rua Sampson,289/95-Brás
03013-SÃO PAULO, SP)

## ĈU LA AKUZativo DENOVE?

VALMIR TOUCCI
(VD k FD-Esperanto-Movado k Esperanto-instruado per Brajlo)

Vidinte anoncon pri Esperanta kurso, eksdeliktulo iom hezite decidis viziti E-klubon por eklerni la lingvon.

Unualecione, la instruisto afable parolis al li:

-Bonvenon! Hodiaŭ estas via unua leciono k certe vi tre ŝatos Esperanton!

Post du-tri lecionoj la instruisto denove sin turnis al la lernantoj:

-Bonvolu nepre veni venontlecione, ĉar mi instruos la tri kazojn de l'akuzativo.

Tuj post la finiĝo de la leciono, la eksdeliktulo alpaŝis al la instruisto, rigardadis lin pied-ĝis-kape kaj ekkolereme diris:

-Ĉu pri kiiiooo? Ĉu AKUZ...? Ĉu tri KAZOJ? Ne faru tion!Oni jam centfoje AKUZIS min! Kaj vi volas AKUZI min ankoraŭ per pli da KAZOJ? Inferen,vi kreteno!!!

De tiu tago li ne plu vizitis la E-klubon; nur pro la N!

(Adreso:Caixa Postal 154
BR-09001-SANTO ANDRÉ,SP)

**KOMUNIKADO**

GEORGE OTTO VASKE

(FD de UEA:Flugnavigisto/Komunikado

Ĉiu homo iomete bonstata devus fariĝi radioamatoro, ĉefe kiam ŝi/li havas verdan sangon. Bildigu al vi, karaj gelegantoj, kiom ĉarmas komforte kunsidi en internacia babilrondo, ĉiu side en sia propra fotelo. Tio ne estas utopio, tio vere ekzistas kaj okazas ĉiun semajnfinon en la VERDA RONDO SUDAMERIKA. La nombro de partoprenantoj ja varias laŭ la propagaj kondiĉoj. Kutime ĉeestas 4 - 5 el Brazilo, unu argentina, unu ĉilia samideano kaj ĉe favoraj kondiĉoj oni kontaktas radiokolegojn el Francio, Germanio, Britio, Nederlando, Ukrajnio, Hispanio, Portugalio kaj aliajn. Resopire oni atendas la sabaton por reaŭdi la kutimajn kaj novajn staciojn. La eŭropanoj lerte uzas la lingvon. Sudamerikanoj averaĝe estas perfektiĝantoj. La rondo okazas je la 20,30 UTC, laŭ la 20 metra bendo, per SSB-sistemo. Normalaj riceviloj (AM-aparatoj) ne ebligas "strigumi" la paroladon. Oni priparolas la E-movadon, planas, revas, ŝercas. Unu horo ne ĉiam sufiĉas sed malfrueco en la eŭropa nokto kaj vespermanĝa horo en la suda Hemisfero iom limigas la gajan kunestadon pereteran. Oni eĉ UEA-delegitas per radio.Ofte envenas la frekvencon nekonatuloj,scivolemaj pri kiu stranga dialekto de la itala aŭ hispana lingvo estas uzata.Oni afable klarigas al ili ke temas pri la vera lingvo internacia Esperanto.Kelkaj miras ke la lingvo vivece utilas.Ni semas kaj semas konstante...

(Adreso:Caixa Postal 126
BR-95760-CAÍ,RS)

**ESPERANTO SEN ANTAŬJUĜOJ**

Walter Francini

UEA-FD(Homaranismo)

Objektiva analizo de la ĉefaj kritikoj kontraŭ la Internacia Lingvo, originale verkita en Esperanto.

2.14. ESPERANTO SPEGULAS LA KULTURON UNIVERSALAN, SED HAVAS ANKAŬ SIAN PROPRAN KULTURON

S-ro V.C.Chagas, en sia libro "Didática Especial de Línguas Modernas"("Speciala Didaktiko por Modernaj Lingvoj"), eldonita de Cia.Ed.Nacional,S.P,1957, skribis la jenon:

"**Iu lingvo ne valoras pro si mem; sed pro la kultruo de ĝi entenata.** Esperanto **ne imponis ĝis nun, malgraŭ sia mirinda simpleco, ekzakte tial, ke ĝi ne havas la esencan elementon de iu ajn idiomo: kulturon. Kaj ĉar mankas animo, mankas vivo - ĝi estas meĥanismo por esprimo, iu** Frankenstein **(*) el vortoj , malvarma kaj logika, tiel logika, ke ĝi ne havas esceptojn! Do lerni fremdan idiomon estas ne nur asimili difinitan nombron da vortoj kaj konstruoj, por ricevi kaj transdoni la ideojn, kiuj povus bone esperimiĝi en nacia lingvo kaj kompreniĝi pere de bonaj tradukoj. Lerni lingvon estas ankaŭ, antaŭ ĉio, koni kaj senti alian manieron konsideri la vivon, vidi la mondon el iu nova dimensio, kiu ampleksigas al ni la horizontojn, riĝigas nian sperton kaj igas nin pli saĝaj kaj toleremaj... (...)Kaj de la fremda kulturo, kontraŭmetata al nia kaj eĉ al tiu de aliaj nacioj, ni alvenos fine al la plano de la universalaj valoroj, jam ekvidante tiam, inter tio karakterize persona aŭ nacia,tiujn punktojn de similo, kiuj,** starante **super la cirkonstancoj rasa, haŭtkolora, politika aŭ religia, identigas ĉiujn homojn**

en la spaco kaj la tempo.La idiomo estas tiel,malpli celo en si mem, ol rimedo por atingi tiujn ĉi objektojn.Oni ja volas formi la spiriton kaj la koron de la adoleskanto;k oni ja studas, lastanalazie la civilizacion k la kulturon de iu popolo,super la denominatoro komuna de ĝia lingvo"(p. 115 k 116).

"Esperanto ne havas kulturon".
Tio estas evidenta malverajo,unue,ĉar pro sia internacieco Esperanto spegulas k esprimas la mondan kulturon(tiurilate oni vidu ekz.la esperantajn tradukojn de la internaciaj ĉefverkoj); due,ĉar ekzistas kulturo esprimata nur aù unue en Esperanto:la originala literaturo,la esperantaj periodaĵoj, la universalaj kongresoj, la internaciaj someraj universitatoj ktp.
"Lerni lingvon estas ankaù, antaù ĉio,koni kaj senti alian manieron konsideri la vivon... kaj alveni al la plano de la universalaj valoroj."
Tio estas korekta. Tamen oni devas konsideri, ke ĝi estas malfacile atingebla mondskale, pro la granda nombro da idiomoj . Male estas facile atingi tion pere de Esperanto, ĉar ĝi permesas, per siaj literaturo, periodaĵoj, kongresoj kaj internacia korespondado, multe pli rapide kaj komplete koni la psikologion de la diversaj popoloj kaj la moralajn trajtojn,kiuj identigas la homaron.
Por analizi la ĉi analizitan antaùjuĝon , estas konvene disvastigi la originalan k tradukitan literaturon en Esperanto k la ĝeneralan kulturan aktivadon de la esperanta movado:kongresojn, simpoziojn,somerajn universitatojn,periodaĵojn,internacian korespondadon ktp.
(Adreso:R.Afonso Bandeira de Melo,35
Campo Belo
BR-04613-São Paulo,SP)

